


Año V (N.° 55)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 7

JULIO 1953

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)





## ¡A BILBAO!

Dentro de pocos días, los esperantistas de España darán, ante todos los españoles, y ante todos los esperantistas del mundo entero, la medida de su fuerza, de su disciplina y de su valoración cultural. Pocas emociones hay tan puras y profundas como la de entrar en contacto con antiguos copartícipes de la idea lingüística, o la de trabar conocimiento con nuevos entusiastas de nuestro pacífico y fraterno movimiento cultural. Y si a todo esto añadimos el interés que todo esperantista tiene por admirar la intensa labor desarrollada por los animosos veteranos bilbaínos, que en un abrir y cerrar de ojos han constituído un numeroso y efectivo grupo, se comprenderá que, abandonando ocupaciones y hasta el bien ganado reposo, sean pocos, muy pocos, los que, muy a pesar suyo, tengan que renunciar al intenso placer de vivir por unos días en Esperantilandia, que radica este año por derecho propio en la bella ciudad del Nervión. Los que, para satisfacción suya, asistieron a los inolvidables Congresos de Tarrasa y Valencia, guardan una agradable memoria de esas emociones y conservan amorosamente las amistades allí establecidas, que entre nosotros son siempre muy sinceras y ampliamente generosas.

El Congreso de Bilbao tiene que ser la confirmación y consolidación de nuestro espíritu congresal, amalgamado con la fé, el trabajo, la persistencia y, por encima de todo, lo que constituye la base de nuestra personalidad esperantista: la abnegación. Sólo con esos elementos se puede lograr que una minoría reducida pueda conmover la somnolencia de las gentes y la indiferencia de las autoridades docentes. Sólo con esas cualidades se puede tener la tranquilidad de conciencia de hacer por el Esperanto lo que se debe. Aquél que, en posesión del idioma, se limita a gozar de sus beneficios: corresponsales en todo el mundo, intercambio filatélico, informes provechosos, facilidades turísticas y comerciales, etc. es un egoísta que ha recibido un precioso tesoro, y no da nada en cambio. No vivió Zamenhof una vida de sacrificios, ni existe, extendida por todo el orbe, una red de hombres de buena voluntad, tan sólo para que existan esos diletantes aislacionistas y aprovechados ventajistas. Todo el que goza de las satisfacciones y beneficios del Esperanto debe esforzarse en difundirlo, aún a costa de su tiempo, de sus negocios... y de su peculio. Así y todo, habrá recibido mucho más de lo que dará.

**Hispana entuziasmo kaj esperantista fervoro estas la duobla faceto, kiu plej karakterize brilos en la valora juvelo de nia Kongreso!**

En España, todo esperantista debe pertenecer a la Federación; debe aportarle su celo, su entusiasmo y su sacrificio. El sistema federativo de nuestra organización posibilita la amplia autonomía de acción de las asociaciones y grupos locales, pero tengan todos bien entendido que la fuerza de nuestra organización radica en nuestra unión. La Federación puede estar en tal o cual ciudad, por pequeño que sea su censo de población, pero todos los esperantistas españoles deben centrar y unificar sus actividades bajo la égida de la organización nacional. Cualquier discrepancia en este punto puede acarrear el fracaso de nuestros afanes y desvelos.

Nunca fué despreciable la aportación española al esperantismo mundial. Hubo un tiempo en que el esperantismo español, con sus peculiaridades, tuvo una brillantez excepcional. Hombres eminentes le prestigiaron, y nuestra doctrina era considerada con extraordinario respeto. De nosotros depende ahora volver a tener aquel prestigio, aprovechando las lecciones y experiencias del pasado, así como las favorables circunstancias del presente. Bilbao, la simpática capital vizcaína, se apresta febrilmente a recibir nuestra visita y la de numerosos esperantistas extranjeros. Los anteriores Congresos de Tarrasa y Valencia, con su buena organización y nutrida concurrencia, son la promesa de que el de Bilbao, bajo el honorable patronato de las autoridades locales, ha de significar para el esperantismo español un importante jalón en su desarrollo, en su marcha hacia el triunfo, que tal vez esté más cercano de lo que parece.

¡A Bilbao, con el corazón muy alto! Que cada esperantista español aporte, con su presencia y entusiasmo su contribución constructiva. En pocas palabras: ¡A Bilbao, para y por el Esperanto!

## ESPERANTO EN LA SERVO DE LA SVEDA ŜTATO

Ekde la nuna jaro 1953, la Ŝtata Ĝarden-Eksperimentejo en Alnarp, kelkajn kilometrojn ekster Malmö, en la suda parto de la lando, uzas Esperanton kiel resumlingvon en siaj labor-raportoj. Tiuj aperas plurfoje ĉiujare kaj estas dissendataj al universitatoj, bibliotekoj, ĝardenaj eksperimentejoj kaj similaj en la tuta mondo. Kiel resumlingvon oni ĉiam uzis la anglan, sed de nun do flanke de tiu oni uzas ankaŭ Esperanton. La ĉefa stacio de la Ŝtataj Ĝarden-Eksperimentejoj (svedlingve: Statens Trädgardsforsok) situas en Alnarp, sed multaj filioj estas dise lokitaj en la tuta lando. En la laborejoj oni faras eksperimentojn, testojn kaj provojn pri fruktoj, beroj, ornamplantoj kaj legomoj. La laboro ampleksas kulturmanierojn, produktadon, reproduktadon, bredadon, sterkadon, semadon, interspacigon, plantadon, akvadon, greftadon, ŝprucigadon, rikoltadon, traktadon de diversaj baztrunkoj, teknikajn problemojn k. t. p. Estas granda progreso por nia movado, ke ŝtata institucio komencas uzi nian lingvon; kaj dank' al la estro, profesoro Fredrik Nilsson, tio nun estas fakto. Espereble nesvedoj, leginte la publikigaĵon aŭ tiun ĉi noton, esprimos al la eksperimentejo sian estimon, por ke ĝi konstatu, ke oni ne faris vanan laboron kaj havis senbezonan elspezon. Ĝardenestro, S-ro Carl A. Klang, iniciatis la aferon kaj ellaboras la esperantlingvajn tekstojn.

---

## SVEDA SOMERA SEMAJNO

**Kunlabore kun la sveda UNESKO-konsilantaro**

*La sveda prelegserio en Frostavallen, Hoor (Svedio) (9-16 Aŭg.), ricevis bonajn apogantojn. Oni jam anoncis, ke la sveda ŝtato donas ekonomian subtenon por la temaro «Internacia kulturinterŝanĝo»; kaj, lastatempe, ne nur la Sveda Instituto por eksterlanda informado, sed ankaŭ la sveda* UNESKO*-konsilantaro decidis kunlabori kun la Sveda Esperanto-Instituto, kiu aranĝos la prelegserion. Prelegos 6 personoj, nome: Ivo Lapenna (Jugoslavio), Julia Isbrücker (Nederlando), Lakshmiswar Sinha (Hindujo) kaj la svedoj Karl Soderberg, John Stenstrom kaj Jan Stronne. Oni traktos gravajn problemojn en rilato kun la aktuala* UNESKO*-decido kaj la klopodoj de la diversaj Landaj Asocioj.*

## SEFARDITOJ EN IZRAELO

**Kore dediĉita al J. Juan Forné**

Kiam la hispanaj judoj estis forpelitaj el Hispanio, tiam ili fariĝis vagantaj rifuĝintoj kaj devis serĉi novajn patriojn. Tial, multaj iliaj idoj troviĝas nun en Anglio, Nederlando, Grekio, Turkio, Italio, Francio, Usono, k. t. p. En Grekio vivis multaj, sed 90 % el ili estis kruele mortigitaj en la gasĉambroj de Auschwitz kaj similaj koncentrejoj, dum la germana okupado. Kelkaj miloj sukcesis migri al Palestino; kaj jen ili troviĝas nun en Izraelo, sur la sama tereno kie vivis iliaj praavoj. La nomo *sefaradim* (sefardito) devenas de *Sefarad,* kio signifas la nomon de Hispanio, en la hebrea lingvo. La sefarditoj ĉiam kaj ĉie restis fidelaj filoj de Hispanio; ili ne ĉesis paroli sian gepatran lingvon *ladino* (latino), fakte la hispanan (kastiljan) lingvon. Jen kelkaj hispan-judaj vortoj, kun ties hispana signifo: «godro» = *gordo* (dikulo); «laborar» = *trabajar* (labori); «mujer» = *mujer* (virino); «ĵornal» = *periódico diario* (ĵurnalo); «amiro» = *amigo* (amiko); «agora» = *ahora* (nun).

En Izraelo kaj en aliaj landoj, aperas gazetoj kaj libroj en hispan-juda lingvo. Estas kurioze konstati kiel ofte almiksiĝas vortoj ne hispanaj. Ekzemple: «Mos azemos el plazer de *rengrasiar... Regreto* mutcho de non estar de akordo... *Kualunke* genero... *Atelieres...*» k. t. p. Tamen, estas mirinde ke la hispan-juda lingvo ne pli multe dialektiĝis, se oni pensas kiom disigitaj la sefarditoj vivis dum kelkaj jarcentoj en landoj, kies lingvo ne estas ilia propra! La sefarditoj estas konsiderataj kiel la aristokratoj, inter la ceteraj judoj. Ili ankoraŭ konservas pli malpli pure siajn hispanajn nomojn: Ninio, Moresko, Romano, Franko, Pinto, Waskes, Matshado, Spinoza, k. t. p. La ĉefrabeno de Izraelo estas sefardito; li nomiĝas Toledano. Oni trovas ĉiujn metiojn inter ili: verkistoj, tajloroj, laboristoj, komercistoj, k. t. p. Ili estis absolutaj regantoj en la greka haveno Saloniki, kie sabate la laboro tute haltis; sed ĝenerale ili prenis sur sin la plej pezan laboron; ŝipistoj kaj maristoj denaskaj, ili ankoraŭ kantas, kiam ili laboras. La sefarditoj reprezentas ankoraŭ nun, post preskaŭ tri jarcentoj, la aŭtentikan tipon de hispano: sentimentala, donkiĥota, idealista, don-ĥuana, laborema kaj en certaj momentoj dormetema. En plej multaj landoj, la sefarditoj ne volis akcepti la morojn de la landoj, kies civitanoj ili kontraŭvole fariĝis. Ili estas konservativaj kaj daŭre vivas kvazaŭ hispanaj elmigrintoj. **Y. ARMONY** - Haifa (Izraelo)

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

## ESPERANTISMO

Tre ofte oni aŭdas plende, en la diversaj medioj de la vivo: komercaj, intelektaj, artistaj k. a., kial la homaro ankoraŭ ne plene solvis la aferon pri komunlingva komprenebleco por ĉiuj, same kiel ĝi estis solvata siatempe en la muziko per la notoj; ĉar, kiel oni scias, la nuntempa maniero por skribi muzikon estas komplete internacia, kaj ĉiu muzikisto povas tre bone *legi* ĉiun noton sen ke la nacieco de la komponisto havigu nacilingvan problemon.

Por ni, esperantistoj, la afero estas jam de longe solvita; tamen, la oficialaj medioj ne estas ankoraŭ plene konvinkitaj, almenaŭ ŝajnas tiel. Eble oni pensas, ke la nuntempa Esperanto ne havas la saman fluecon, kiun en la mezepoko havis la latina lingvo; eble oni kredas, ke ĝi estas ankoraŭ *provo*, kiel estis ĉe la fino de la lasta jarcento la tiel nomata «Volapük», kiu havis en sia komenco sufiĉe da sukceso. Al tiuj demandoj nur la estonteco povos definitive respondi; sed, ĉiu esperantisto, kiu havis okazon traveturi diversajn landojn, scias kaj estas vere konvinkita, ke Esperanto estas viva lingvo, taŭga por ĉiuj aferoj, vere neŭtrala ĝis la punkto, ke preskaŭ neniam oni povas ĝuste scii la nacieecon de la parolanto; al mi mem, hispano, parolante inter diversnaciaj esperantistoj, ekster Hispanio, oni ja nomis hungaro; kaj, pri aliaj samideanoj, mi faris similan eraron. Kiam oni parolas pri tio kun profesiaj poliglotoj, aŭ kun membroj de la Diplomatio, ili ridetas kompate respondante, ke Esperanto estas kvazaŭ infanaĵo aŭ tro simpla afero, kiel la mallongondaj radioelsendoj por la radioamatoroj, ŝajne iom utila por filatelistoj aŭ aliaj specialaj kolektantoj; tamen, neniel taŭga por oficialaj aŭ grandskalaj entreprenoj por kiuj, kiel asertas ĉiutagaj informoj, utilas ekzemple nur la angla aŭ franca lingvoj. Kiam oni respondas al ili, ke multaj el ni, esperantistoj, ne nur parolas nian lingvon, sed ankaŭ ni povas sufiĉe flue paroli france, angle aŭ germane k.a. kaj ke ni eĉ laboras en ŝtataj oficejoj, kiel lingvotradukistoj, la afero sanĝiĝas komplete; multe pli se la interparolado, hispane komencata, estas daŭrigita ekz. germane, kaj oni klarigas ke, por multaj el ni, Esperanto ne estas bezonata por niaj personaj internaciaj rilatoj... Kvankam, eble pro tio mem, ni estas pli fervoraj kaj pli konvinkitaj esperantistoj ol la ceteraj samideanoj, ĉar ni perceptas pli proksime la ĥaoson. Tempo venos, kiam la homaro plendos pri la perditaj jaroj! Fine, nia interparolanto, konvinkita aŭ ne, devas silenti ĉar liaj argumentoj fariĝis malfortaj kaj superfluaj antaŭ la niaj.

Ni ĉiuj estas rigardantoj en la nuntempa milito, inter la plej *fortaj* naciaj lingvoj, por akiri la superecon kaj samtempe la internaciecon, ekz. la angla, franca, eĉ la rusa... kaj estas nun, kiam ni ridetas kompate, vidante kiel stulte la homaro ne volas solvi la Babelan problemon.

La granda Majstro kaj bona persono D-ro Zamenhof antaŭvidis nian epokon kaj elpensis la artefaritan lingvon Esperanto, sciante ke la homoj ne komprenos facile ĝian veran intencon kaj utilecon; eble ankoraŭ pasos multaj jaroj, ĝis la ĉiutaga rapida bezono por interkompreniĝo ebligos kaj devigos la uzon de nia helplingvo, malgraŭ la «kreitaj profitoj» deĵorantaj ĉirkaŭ diversaj naciaj lingvoj.

**MANUEL RODRIGUEZ (Madrido)**

---

## RICEVITA LETERO

**Jen afabla letero de Esperantista Klubo en Praha, kiun ni aperigas por kvitanci ĝian ricevon kaj ankaŭ por atesti al la tieaj samideanoj la esprimon de nia kora simpatio**

Kara samideano! Mi volus al Vi, kaj pere de Vi al la Hispana Esperanto-Federacio, elkore danki por la sendaĵoj de BOLETIN, kiujn ni vidas tre ĝoje kaj legas kun granda intereso! Esperantista Klubo en Praha transprenis je siaj ŝultroj multajn el la taskoj kaj devoj de iama asocio E A Ĉ S R, kiu estis devigata al la libervola malfondiĝo, jam en pasinta jaro. Tial, ni estas des pli dankaj al la administracioj de esperantaj gazetoj, ke ili konsentis informi la ĉeĥoslovakan esperantistaron per alsendo de siaj organoj al nia Klubo. La gazeto, kiun ni ricevas, ne restas en manoj de unuopulo, sed ĝi iras de manoj al manoj, kiel la libroj el la biblioteko. Se Vi konservos al ni Vian malavarecon kaj daŭros en la liverado de BOLETIN, ni estus al Vi senlime dankaj.

Tutkore Vin salutas **ESPERANTISTA KLUBO EN PRAHA**

**KIO ESTAS HISPANIO?** Ofte erara estas la opinio pri geografiaj kaj klimataj kondiĉoj de nia lando. La plejmulto kredas, ke Hispanio estas ebenaĵo; milde aŭ arde sunumita, kaj ke dikaj manteloj aŭ lanaj kovriloj ne estas bezonataj. Jen la realo: Hispanio estas la dua monta lando en Eŭropo, nur post Svislando. Plejparto situas super 500 metrojn surmare; kaj, kvankam la someroj estas varmegaj, dumvintre la malvarmo estas glacia. Temperaturoj subnulaj estas kutimaj, kaj oni suferas tre ofte 10° — 15° kaj eĉ malpli en kelkaj regionoj. Tamen, marbordoj kaj la Sudo ĝuas mildajn kondiĉojn. En multaj provincoj, kiam neĝo falas, ĉiuj fotobildigas ĝin, kaj oni promenas por vidi la maloftaĵon. Hispanio estas, pro situo, orografio kaj klimato, unu el la plej diversaspektaj landoj; oni povas diri sen troigo, ke ĝi estas kiel malgranda kontinento aldonita al Eŭropo, kies ligilo —aŭ disigilo— estas la Pirinea montaro.

El la unua cento (N.° 3 - Marto 1949)
Paĝo 22.

## KVINCENT PAĜOJ!

Laŭ regula takto de prudenta ritmo, en daŭra ĵonglado de paĝoj kaj paĝoj, venis fine vico por ĉi tiu folio, speciale garnita per la numero 500. En modesta konstruo, kiel la domo nia, impone alta ŝtupo ĝi estas! Tial, por iel celebri la ĝojan eventon, kiu signas sukcesan etapon de obstino, persisto kaj volo, feste ni drapiras per verdaj falbaloj kvar specimenajn fragmentojn, kiuj, iom hazarde elektitaj, el inter la tekstoj de antaŭaj kvar centoj, retrospektive resumas la varian enhavon de nia kara Bulteno, en rolo de federacia organo, kiu, ester sia oficiala signifo, gajnis simpation kaj fariĝis amiko familiara en la esperantistaj hejmoj, kien kutime ĝi eniras, portante la helan rideton de sana optimismo, neniam velkinta, neniam banala aŭ fiktiva, sed ĉiam plej freŝa, plej vigla, laŭ fluo de ĉiuj numeroj, ĝis nun aperintaj, kies plena kolekto ĵus nombras jam duonmilon da paĝoj...

DIVERSAJ PENSOJ kaj AFORISMOJ de **SANTIAGO RAMÓN CAJAL**

Ne evitu la virinojn dum via juneco, se vi ne volas kuri post ili, stulte kaj ridinde, dum via maljuneco.

---

Se inteligenta homo parolas malŝate pri idealistaj aferoj, tio signifas, ke li estas filistro maskita je deca persono.

El la dua cento (N.° 19 - Julio 1950)
Paĝo 161.

### *Al la kara memoro de* JAUME GRAU CASAS

*Dissendita en la Esperanta programo de Radio Roma la 7an Januaro 1951.*

Poeme li girlandis al Amoro
Kun ĉarma voĉ' kaj juna fantazio.
Per li tra l' mondo iris la trezoro
De l' alta kataluna poezio.

Alvenis poste la dolorinformo:
Malsanis kor' de l' amkantanta viro...
Kvieton donis la senfina dormo.
Funebras Muzo, mutas nun la liro.

Forpasis viv' subite, vane juna;
Singulte, ĝeme premas morta ploro
En ĉi tiu malĝoja tag' aŭtuna!

Silentas, plu ne batas l' arda koro
De Jaume Grau Casas kataluna.
Ho ve! mortis la lasta trobadoro!

**LUIGI MINNAJA**

El la tria cento (N.° 31 - Julio 1951) Paĝo 274

**EL LA RAPORTO DE LA KASISTO EN NIA PASINTJARA KONGRESO**

*«...Estas laŭdinda deziro de multaj amikoj plivastigi la agadkampojn de la Federacio, sed la palpebla efektiviĝo de ĉiu ideo aŭ plano ne dependas sole nur de la persona aktiveco de kelkaj fervoruloj, pli aŭ malpli multaj, kiuj dankinde liveras sian kapablon kaj oferas sian tempon, ĉar la sukceso de tia efektiviĝo ankaŭ dependas grandparte de tio, kio nuntempe sin trudas, bedaŭrinde, kvazaŭ demona obsedo: la* MONO! *Tial ke, hodiaŭ, en nia epoko, sub la signo de severa ekonomio, la garantia bazo de sana budĝeto estas necesa premiso por venki eĉ en idealista batalo».*

La debato, kiu sekvis, pruvis, ke la membraro ne estas indiferenta pri la temo. Oni proponis kaj sugestis rimedojn por sekure konservi la akiritajn poziciojn, neniel ignorante la admonojn de la kasisto.

El la kvara cento (N.° 44-45 - Aŭgusto - Septembro 1952)
Paĝo 400.

# NU, KONSTANTE FRAPANTE...

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● AUSTRIA.—La Oficina de Turismo de Worgl ha editado un folleto sobre dicha población tirolesa; también ha hecho lo propio la Oficina de Kufstein. Con texto en alemán, se envían con hojas supletorias en Esperanto a los peticionarios que lo soliciten gratis a: «Verkehrsamt» — WORGL (Tirol) y a «Verkehrsburo» — KUFSTEIN (Tirol).

● BRASIL.—*En este gran país americano, el Esperanto ocupa un lugar preferente, por su mucha difusión entre personas de toda clase y condición, así como también por el favor y simpatía que disfruta por parte de las autoridades. Una prueba de ello es la siguiente noticia, acabada de recibir desde allí, y que esperamos será ampliamente difundida por nuestros amigos:*

El día 16 de Mayo último fueron inaugurados, con un solemne acto público, los cursos oficiales de Esperanto en la Escuela Militar de Río de Janeiro. Como la inscripción a estos cursos es voluntaria, los alumnos tienen la facultad de no matricularse, pero los que voluntariamente se inscriban, están obligados, por la disciplina militar, a seguir el curso hasta el final. A pesar de esto, el éxito inicial ha sido enorme, pues habiéndose cubierto ya el cupo de 300 alumnos matriculados, se ha cerrado la inscripción al no disponerse de más locales disponibles para las clases. Se prepara una nueva tanda de inscripciones, para cuando terminen los cursos que ahora han empezado bajo los mejores auspicios, por parte de profesores y alumnos. Se confía en que cunda el ejemplo y se organicen otros cursos similares en las restantes Escuelas Militares del país.

● ESPAÑA.—*Son motivo de íntima satisfacción para nosotros los lisonjeros comentarios que las publicaciones esperantistas de todos los países dedican a las actividades españolas en pro del Esperanto; por eso creemos conveniente extractar hoy un pequeño noticiario nacional:*

El «Grupo Esperantista de la Delegación Provincial de Ciegos de Madrid» organizó el día 14 de Junio un «Festival Artístico Esperantista» en el local de Cultura y Recreo de la O. N. C. E. Las actuaciones líricas y musicales, con intermedios del «Noticiario Esperantista», distrajeron a la numerosa concurrencia. Con unas palabras de despedida, dichas por don Ricardo Jara Ramírez, se dió fin al brillante acto, después de ser interpretado el himno esperantista «La Espero» por el Orfeón de la Organización Nacional de Ciegos, bajo la acertada dirección del prestigioso profesor don Ciriaco Pérez.

## GESTIONES DE NUESTRA FEDERACIÓN EN LA DELEGACIÓN ESPAÑOLA PARA LA U. N. E. S. C. O.

**De acuerdo con la decisión de la UNESCO, acerca del Esperanto, y cumpliendo con los debidos trámites para informar a la Delegación Española ante este alto organismo internacional, con vistas a la Asamblea que ha de celebrarse en Montevideo, la Federación Esperantista Española ha presentado un razonado Informe, sobre la difusión y estado actual del Esperanto en España, para que sirva de oportuno estudio a la mencionada Delegación, recientemente nombrada y que está integrada por prestigiosas personalidades de distintos Ministerios.**

**Hizo entrega de este documento, en nombre de nuestra Federación, una comisión formada por el Excmo. Sr. D. José M.ª Ezquerra, el General D. José Perogordo, D. Isauro Alvarez y D. Darío Rodríguez, que fueron recibidos con suma deferencia por la Secretaria de Embajada y notable escritora D.ª Marcela de Juan, que se interesó vivamente por el motivo de la visita.**

## EL ESPERANTO EN LA PRENSA ESPAÑOLA

**Con motivo de la inauguración del «Club Esperantista Madrileño», han aparecido crónicas en «A. B. C.» e «Informaciones» (28-5), de Madrid, y «La Vanguardia Española» (29-5), de Barcelona, y un extenso reportaje «¿El Esperanto en las Escuelas?», en el semanario «Dígame» (16-6), de Madrid. «Voluntad», de Gijón, en su número del 10 de Mayo inició la serie dominical «Altavoz Esperantista». «El Diario Vasco», de San Sebastián, en su sección «Berrikarretas del día», del 16 de Junio, reproduce íntegro el editorial de nuestro BOLETIN de Marzo, sobre don Leonardo Torres Quevedo. Nuevamente, la Federación agradece a las respectivas redacciones y autores la acogida que están dispensando a la plausible idea que el Esperanto representa.**

# EL ESPERANTO ES UN FIEL EXPONENTE DE LA CULTURA MODERNA

## MORTIS EINAR ADAMSON
### LA SVEDA KAMARADO

*Funebra dato estas la 11ª de pasinta Junio; en tiu tago, la kruela Parco forrabis valoran elementon el niaj vicoj. Einar Adamson, la konata sveda aktivulo, kies lingvoscio kaj organizkapablo tiel forte rangis, kiel funde ĉarmis lia modesteco, jam ne plu vivas, jam ne plu materie ekzistas! La malpleno, kiun li lasas, ne estos nur sentebla en la sveda teritorio, sed ĉie ajn, kie nia lingvo sonas, ĉar tiaj fervoruloj --kiel li-- abnegacie sin donantaj al noblaj tuthomaraj idealoj, ne apartenas al iu difinita lando aŭ regiono, sed al la tuta mondo, al la tuta socio. Tial, en ĉi tiu suda angulo de Eŭropo, oni ankaŭ emocie klinas la kapon, kun afliktita koro, antaŭ la kara memoro de tiu bonanima homo, talenta verkisto kaj ekzemplodona samideano, kiu, ĉiam avangarde, dum daŭro de 40 jaroj, senlace dejoris por Esperanto.*

**Luis Hernandez.**

## PRI SURSLIPA MULTLINGVA VORTARO

La franca sekcio de I. S. A. E. komencos baldaŭ la eldonon de teknika surslipa vortaro 10-lingva (kun ebla pliamplekso ĝis 20 lingvoj). Pro nesupereblaj malfacilaĵoj prezentitaj, unuflanke de la samtempa uzo de multenombraj vortaroj kaj aliflanke de la aktualigado kaj kvalito de la donitaj tradukoj, ni estis puŝataj al nova solvo. Sufiĉe memori, ke por 10 lingvoj necesas havi 90 vortarojn, tio estas materie neebla.

La donitaj tradukoj valoras nur per la difinoj, kiuj akompanas ilin; nur helpa lingvo, kiel Esperanto, permesas solvi bone ĉiujn demandojn de la problemo.

La serĉado de vorto en iu ajn lingvo estas multe faciligata per uzo de traboritaj kartoj, tre malmultekostaj kaj kiuj bezonas nenian uzon de maŝino. Ni esperas, ke vi komprenos la intereson de la proponita solvo por la realigo de «Surslipa Teknika Multlingva Vortaro . Ĉiujn sciigojn oni povas ricevi de la franca delegito de I. S. A. E.:

**S-ro FRANCOIS Emile,** 1 - Allée du Rond Point
ORLY — (Seine) Francujo

### POSTKONGRESO EN NURBERG

Same ol dum la 36.ª Universala Kongreso de Esperanto, ĉi-jare ankaŭ aranĝas Postkongreson la trafikunuiĝo kaj Esperanto-Grupo Nurberg por la tagoj 3.ª kaj 4.ª de Aŭgusto 1953. Aliĝojn oni sendu al «Esperanto-Grupo Nurberg» - Mogeldorfer Haupstrasse, 2 — NURBERG (Germanio)

# INTER LA PROZO

Povi observi, nerimarkite, la homajn intimajn reagojn estas privilegio de mia fantazia naturo. Nu, por esplori la veran animstaton de la hispana esperantistaro, jam mi preparas la vojaĝon al Bilbao, en la brava Nordo, por eniĝi en la ondojn de la nunjara Kongreso, kie, meze de amuzo kaj festo, aŭ trae de tute serioza diskuto, fakte mi troviĝos kun ĝojo aŭ malĝojo, laŭ fluo de kresko aŭ malkresko de preta bonvolo kaj emo por varti la aferon komunan. Facile rekonebla mi estos ĉe la subtilaj resonoj, kiuj, konsilante ne rifuzi oferojn, vibros interne de ĉies konscienco. Mi ŝatas scii, ke oni min divenos sub tiel spirita formo, prefere ol konkrete min trovi maskita je homo... tial, ke ĉiuj homoj, senescepte, havas videblajn manierojn, kiujn ili plej ruze poluras, por ekstera elmontro, dum aliajn sentojn samtempe ili kaŝas malantaŭ la faldojn de pli malpli granda singardo, vulgare nomata egoismo.

Kontraŭ tia sinteno, en pledo favora al plej pozitiva laboro, mia voĉo aŭdiĝos en la voĉo de ĉiu kamarado, tiucele admonanta. Ĝis tiam, ĉiu al sia tasko! Kaj la mia ne alia estas ol tiu tuj komenci raporti laŭ jena maniero, prezentante filmon de niaj gazetoj:

LA SUDA STELO, oficiala organo de Jugoslavia Esperanto-Federacio, kiel belaspekta grandformata kajero, plenrajte devas hodiaŭ prezidi la revuadon; ĉar, aperinte en Zagreb, ĝi gajnis superan rangon de centra informilo pri la jam okazanta Universala Kongreso, en la kolorriĉa kaj loga kroata ĉefurbo. Krom tio, tre valora estas la literatura sekcio, kun skizoj kaj biografioj de elstaraj jugoslaviaj aŭtoroj. AUSTRIA ESPERANTO-




## XIV CONGRESO E

**Es de suponer que todos ... miento y recepción, así com... congresistas deben procurar ... Bilbao, calle de Buenos Air... Las autoridades locales, con ... sistas con un Aperitivo, en el hermoso salón árabe ... y Banquete se ruega seguir las instrucciones de la c... parte también de la Comisión Organizadora, los dif... tismo español. Entre los asistentes habrá una nu... verbial hospitalidad. Ha quedado organizada la T...**

*En vísperas del gran acontecimiento, que supera y...*

## SALUTON AL LA 38ª UNI...

# DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

REVUO aperas kiel vigla heroldo de aktiva movado. Leginda estas speco de meditaĵo pri la Esperanto-gazetara problemo en Aŭstrio, laŭ la demando: «Ĉu la movado en Aŭstrio estas tiel forta kaj finance potenca, ke ĝi povas porti kelkajn liglandajn gazetojn?» Kaj, kvazaŭ respondo, jen du enlandaj organoj: VOKO EL STIRIO kun altkvalita legaĵo. Speciale min logis artikolo pri Nobelpremio por la Paco, tial ke «vana restis ankaŭ la kandidatigo de D-ro Zamenhof, nia majstro, kiu ne nur parolis pri paco, sed vere laboris por la solvo. Laŭ la regularo de la Nobelpremio estus eble, ke ankaŭ mortinto, verdire liaj posteuloj, ricevus la premion. Sed ankaŭ la Akademion de Esperanto ni povus kandidatigi pro ĝia sendube porpaca agado. La premio multe helpus nian movadon materie kaj idee». LA SPEGULO, revuo por Supra Aŭstrio, per eta paragrafo bildigas la tiean bonhumoron: «La karnavala tumulto de la Esperantistoj en Linz estis kontentiga sukceso, precipe financa. Sed, ne nur la financa sukceso indas mencion, ĉar oni propagandis kaj ni mem trovis bonan amuzon». En Italio NOTIZIARIO INTERNAZIONALE estas treege utila informilo en nacia lingvo, kiu, kunlabore kun U. E. A., liveras ĉiumonate freŝajn sciigojn kaj lertajn komentojn pri Esperanto al la itala gazetaro. Por ĉiu nacia lingvo devus ekzisti simila publikigaĵo, eĉ kun sama teksto, kio tre multe faciligus la laboron *almiliti* la gazetaran fortikaĵon. Atentinda estas la fakto, ke, en unu sola monato, 54 gravaj ĵurnaloj, el la ĉefaj urboj de Italio, interesiĝis pri la Lingvo Internacia! SVISA ESPERO detale raportas pri la ĝenerala kunveno de la Svisa Societo; agrable estas al mi trovi, inter aliaj, la nomon de S-ro R. Zollinger, kies simpatio tiel multe brilis dum nia pasintjara Kongreso. La unua transoceana radio-disaŭdigo, en Esperanto, de svisa stacio, estis plena sukceso. El Brazilo kaj el diversaj aliaj sudamerikaj landoj venis tridek leteroj, kiuj entuziasme konfirmis la ricevon de la elsendo trans la Atlantiko. BELGA ESPERANTISTO akurate venas kun sia diskreta sinteno, kio ne estas baro por same akurate prezenti la riĉan enhavon de sia belga kroniko, plej grava atesto de efektiva vivo. LA PONTETO, bulteno de franca sekcio de Kristana Esperantista Ligo Internacia, eligas aromon de spirita komprenemo, kiu agrable impresas. SCIENCA LIGILO estas duonmonata bulteno de la franca sekcio de I. S. A. E. Aperas en ĝi tre interesa studo pri Esperanto, kiel teknika lingvo. FRANCA ESPERANTISTO ĉiam estas ĉe ni intime bonvena, kiel ŝatata najbaro. Mi bedaŭras, ke neĝustatempa sciigo pri la forpaso de estimata S-ro G. Avril malebligis ampleksan nekrologon al lia memoro. Klaraj vortoj de S-ro J. Couteaux, en frontartikolo, meritas disvastigon: «Al la du aŭ tri kvazaŭprofesiaj kritikistoj, kiuj venenas tro ofte la atmosferon de niaj naciaj kunsidoj, ni komprenigu, ke Esperanto ne signifas malamon kaj malkonkordon. Al ili ni montru decideme la pordon, por ke ni povu efike kaj frate laboradi!» Jes...

En idealista entrepreno, ĉia speco de balasto ĝenas por la spirita flugado, kiun, hodiaŭ, renkonte al vi, preparas jam plej esperplene **LA LEGEMA KOBOLDETO**

## ...ÑOL DE ESPERANTO • 7-8-9-10 de AGOSTO de 1953 en BILBAO

...adheridos ya habrán recibido directamente una circular, con precisas indicaciones sobre aloja-
...cédula para obtener la rebaja de la tarifa ferroviaria en el viaje a Bilbao, donde todos los
...ctrarse ya en la mañana del viernes día 7. La AKCEPTEJO funcionará en el Nuevo Ateneo de
... 1, 1.° derecha, donde se podrá recoger la documentación a cambio de la tarjeta provisional.
...ngentileza, han aceptado figurar en el Comité de Honor; el Ayuntamiento obsequiará a los congre-
... Casas Consistoriales, acto seguido de la recepción oficial. Para todo lo referente a la Excursión
... recibida. Con la valiosa ayuda del eminente esperantista bilbaíno D. Luis de Otaola, que forma
...n actos del Congreso confirmarán el merecido prestigio que actualmente está ganando el esperan-
...la concurrencia de samideanos extranjeros, los cuales no quedarán defraudados de nuestra pro-
...RO. Se ruega a los grupos locales que traigan sus banderas para adornar el estrado presidencial.
...adheridos a todos los anteriores Congresos: *¡Buen viaje, feliz estancia y provechoso rendimiento!*

## ...SALA KONGRESO DE ESPERANTO EN ZAGREB!

## ARESTO DE BIRDO

Originala poemeto de juna brazila samideano
**Geraldo Mattos**

Jen
Tie,
En
Die
Bela
Pozo,
Hela
Rozo!

Aŭroro
Rigardas.
Al floro.
Kaj ardas
La lumo
Dum trilas
Amumo,
Kaj brilas.

Voĉo certa,
En alarmo
Trafe lerta,
Kaj kun ĉarmo,
Sonoretas
Ĉe la rozo,
Kaj ĝin metas
Al ripozo.

Jen kantas birdo
En la ĝardeno.
Per bela flirto
Kaj per soleno.
Nun, aŭskultante,
La floro staras.
Kaj elegante
La voĉo klaras.

Ne iru tien!,
La floro diras,
Ho, nur alien!
Ĉar se vi iras
En tiun lokon,
Per aparato
Vi havos ŝokon
De fera bato...

Li proksimis.
Ĉar li ridis
Kaj ne timis.
Sed li vidis...
Ho! ferkaĝo
Lin frakasis.
La kuraĝo
Lin forlasis.

La floro
Ĉagrenas.
Doloro
Ĝin trenas.
Ne kantas
Ĝuemo,
Konstantas
La ĝemo.

Ne
Festas,
Ve!
Restas
Jen
Birdo
Sen
Flirto...

## KVANKAM PRESKAŬ NEKREDEBLE...

En Borneo ekzistas la plej granda insekto; ĝi atingas longon de 35 centimetroj, pro tio ĝi estas nomata baston-insekto.

La ostoj de la frenezuloj estas pli malfortaj ol tiuj de mense plensanaj personoj.

La petroselo devenas de Cerdenjo, la spinaco de la araba duoninsulo; la pizoj, la kreso kaj la anizo disvastiĝis de la Meza Oriento tra la tuta mondo.

La strutaj plumoj blankaj aŭ nigraj apartenas al la virstruto, kaj la grizaj al la ino.

La heliko estas unu el la plej dormemaj estaĵoj. Ĝi povas dormi dum kvar jaroj.

**Estas nenia masko por kovri la malklerecon.**
BERNARD SHAW

*Ĉio, kion rapide oni faras, ankaŭ rapide elmodiĝas.* CHESTERTON

## SFINKSA ANGULETO

### LA MEZURADO

Riĉa hispana avarulo bezonis mezuri la longecon de unu metro, sed li ne havis mezurilon. Tamen, li gardis multajn arĝentajn monerojn; li sciis, ke la diametroj de la 5- kaj 2-pesetaj moneroj havas 37 kaj 27 milimetrojn respektive. Kiom da moneroj el ambaŭ specoj li devis meti, unu post alia, en rekta linio, por atingi la deziratan longecon de unu metro?

**La solvoj, por la premio, eksterordinara ĉi-foje, estos akceptataj ĝis la 1.ª Septembro. Agrablan someran ripozon!**

SOLVO DE LA PROBLEMO **LA TURHORLOĜO** EN LA PASINTA NUMERO

***Inter la unua kaj kvara batoj estas tri interspacoj. Sekve, inter du batoj de la horloĝo estas ĉiam 7 : 3 = 2 ¹/₃ sekundoj. Inter la unua kaj la dekdua batoj estas 11 interspacoj, sekve: 2 ¹/₃ x 11 = 25 ²/₃ sekundoj***

## DIVERSMANIERE PRI LA AKUŜO

*Kion faras patrino?*
*—Naski.*
*Kion faras infano?*
*—Naskiĝi.*
*Kion faras patro?*
*—Naskigi.*

*Nu, kion do faras la kuracisto?*
*—Enspezi!*

D-ro **CIRANO.**

## S-RO GAJANOTO RESPONDAS

S-ro Gajanoto estas malnova konvinkita samideano. Lin ne timigas «la batoj de l' sorto nek mokoj de l' homoj». Antaŭ kelkaj tagoj, li pledis fervore por nia lingvo en rondeto de *kleruloj*.

Voĉo de mokemulo interrompis lin:

—Ĉu Esperanto? Kia manĝaĵo tio estas?

—Havu paciencon, ĉar se nutraĵo, Esperanto ne estas digestebla de bestoj!— diris tute trankvile S-ro Gajanoto.

—Mi ne povas vin ami, S-ro Gajanoto, ĉar vi estas tro maljuna, diris juna esperantistino, bela kaj ĉarme koketa.

—Bedaŭrinde, vi estas en konfuzo, fraŭlineto --respondis nia amiko-- rimarku, ke ni estas samaj. Jen komprenu: Vi estas *jara dekses* kaj mi estas *sesdekjara...*

**J. VIGO MESTRES** - Almatret

# ◆ LINGVA KONKURSO: LERNU TRADUKANTE! ◆

**Ĝentile ni invitas vin partopreni en la konkurso per la sekvanta fragmento, kiun ni submetas al via studo:**

Tasko n.° 7. TEKSTO: «Enigme strangajn formojn havas kelkaj rokoj. Iuj konsistigas grotojn, kavernojn, kien povas rifuĝi miaj vizitantoj, kiam la ĉielo ial larmas pluve. Nia komuna amiko pasigis multajn horojn en tiuj naturaj grotoj. Liberigite de l' bruoj kaj tedoj de la granda urbo, li tie parolis silente kun si mem, tiel konsciante pli forte ol kutime pri sia vera individueco. Kelkfoje, li eĉ tranoktis en kaverno, kuŝante sur tavolo el kolektitaj sekaj filikoj kaj el diversaj folioj. Tial, mi ne plu havas por li sekretojn. Li aŭdis nokte la ululojn de noktuoj kaj la kantojn de najtingaloj... kaj fine mi sentis, ke lia animo kaj la mia tute harmonias».

*Fragmento el priskribo, pri la arbaro de Fontainebleau, en publikigita letero de E. Lanti.*

**Kiel kutime, traduku ĉi tiun tekston kiel eble plej korekte kaj bonstile. Ĉi tiun fojon, oni povas fari tion pli trankvile, ĉar, okaze de la someraj ferioj, la limo por akcepti vian tradukon estas la 1.ª de Oktobro, en la adreso de**

**S-ro RICARDO QUILES, San Vicente, núm. 164 - VALENCIA**

---

*Tridek gesamideanoj riskis sendi al ni la tradukon al la 5.ª Tasko. Intence ni diris* RISKIS, *ĉar multaj partoprenantoj skribas, ke ili* TIMAS *konkuri en niaj prilingvaj konkursoj, pro tio ke ili ne estas spertaj esperantistoj kaj ankoraŭ faras multajn erarojn. Ni respondas hodiaŭ al ĉi tiuj hezitemaj geamikoj, ke ni mem ankoraŭ senĉese lernas, tial ke por sperto kaj lerno, ne sufiĉas eterno, ĉar nur Dio ĝuste faras, neniam eraras. Sed, vero estas ankaŭ, ke kiu ne riskas, tiu ne gajnas. Se vi konstatas en niaj tradukoj, ke vi eraris, ne seniluziiĝu pro tio kaj estu obstina. Se unu fojon vi ne sukcesis, provu ankoraŭfoje. La provo estas senriska, kaj la laboro ne estas multa, ĉar niaj taskoj ne postulas multe da tempo. Kiam vi kutimiĝos al la tradukado, vi trovos grandan plaĉon en tio. Do, kunlaboru vi ankaŭ en nia Konkurso La kvinan premion gajnis samideano Venancio Monsalve Cruz, Paseo Delicias, 150, Madrid, kiu modele plenumis la taskon; kaj al kiu, kune kun nia sincera gratulo, ni sendas la libro-premion «Esperanto Sesdekjara». Krome, plej trafaj konkursantoj estis la sekvantaj:*

E. P. M. - V. O. - M. A. P. S. - A. B. - F. R. - J. S. - S. R. R. - A. E. R. - S. A. - V. P. M. M. J. C. - A. G. M. - J. A. G. - J. F. A. - R. M. - R. A. - V. M. C. - J. E. G. - E. M. - L. Q. P. - V. J. - J. A.

**Kaj nun, jen la traduko, kiun vi devas kompari kun la via por propra kontrolo:**

«Y, en rápida sucesión, los platos iban pasando, en provecho de un ronco cantor, de un malabarista bizco, de un domador de perros, de un poeta despeinado y de un viejo piano de cola... Pero, cuándo noté que todo el coro de «Los Especieros» se reunía sobre el escenario, comprendí que si después debía dar aunque sólo fuera un sueldo por cabeza, quedaría completamente arruinado; tan numerosos eran los coristas».

*Fragmento de un cuento del conocido escritor humorista Raymond Schwartz.*

---

# ☆ LA LERNEJO

S-ro L. F. el M. prezentas al ni la jenan dubon: --Mi bone scias, ke post prepozicio oni ne devas uzi akuzativon, sed mi legis en esperanta libro jenan frazon: «Mi donis al ili kajerojn anstataŭ librojn». Vere nia sendanto pravas. Tamen, oni povas uzi akuzativan signon post la prepozicioj *anstataŭ* kaj *kvazaŭ*, sed jen la kaŭzo: tiuj prepozicioj estas uzataj en tiaj okazoj, kiel adverboj. Ni prezentas kelkajn klarigajn ekzemplojn, inter ili la saman pri antaŭdirita dubo: «Mi donis al ili kajerojn anstataŭ libroj». (Ĉi tie la vorto *anstataŭ* estas uzata kiel prepozicio). «Mi donis al ili kajerojn anstataŭ (doni) libroj*n* (uzata kiel adverbo); li uzis ĉapelon kvazaŭ ĉapo (prepozicio); li uzis ĉapelon, kvazaŭ (li uzus) ĉapon (adverbo)». Ĉu la afero restas klarigita?



---

**EKZAMENOJ DE ESPERANTO.**—Kiel jam dirite en la pasinta numero, okazos ekzamenoj pri kapableco, en la kadro de la Kongreso en Bilbao; ĉiu kongresano, deziranta ilin partopreni por siatempe ricevi atestilon, devas anonci tion en la momento akiri la kongresmaterialon en la Akceptejo, kie oni donos la lastajn informojn.

---

**AVISO. — Se ruega a todos los que sepan de artículos, referentes al Esperanto, publicados en la prensa española, remitan un ejemplar del periódico al encargado de «Gazetara kaj Radio-Servo»: Dario Rodríguez — Calle de Galileo, núm. 51, 5.ª derecha — MADRID**

# HISPANA KRONIKO

**REUS.**—La 22an de Majo, en «Centro de Lectura», la plej grava kultursocieto de la urbo, nia federaciano Salvador Gumá prelegis pri la temo «Bazaj Lingvoj» al la membroj de la sekcio «Lingua-Club» kaj ĝenerala publiko, kiu multnombre ĉeestis kaj atente aŭskultis la trafajn argumentojn per kiuj nia kompetenta samideano pruvis, ke neniu nacia lingvo, eĉ se simpligita, povas esti akceptata kiel internacia. La gazeto «El Diario Español» el Tarragona kaj alia el Lérida raportis pri la prelego. La okazigon de ĉi tiu reviviĝo de la esperantismo en Reus ni ŝuldas al la helpo de samideanoj Real, Pamies kaj Aguadé, ĉi tiu lasta kiel nuna Prezidanto de la nomita societo «Centro de Lectura», kiu certe ankaŭ estas centro de kulturo.

**MANRESA.**—La 25an de pasinta Majo, 80 manresaj geesperantistoj vojaĝis al la sankta kataluna monto Montserrat, por ĉeesti en la solena ceremonio beni la standardon de Esperanto-Fako de societo «Lingua Club». Apud la monto, kuŝas la malgranda vilaĝo Monistrol, kien niaj gesamideanoj alvenis matene. La plej junaj supreniris piede la montegon; aliaj trafis ĝin per monttrajno aŭ aerveturilo. Je la dekdua kaj duono, en la preĝejo, post bela parolado, okazis la ceremonio, kaj nia standardo estis benata. La ĉeestantoj ricevis de la bengepatroj, S-ro Pere Saumell kaj F-ino Teresa Planas, memorajon kaj frandaĵojn. Okaze de la soleno, samideano Alfonso Berenguer eldonis donace belan faldfolion kun arta gravuraĵo kaj memorinda teksto, kio estas tre delikata komplemento de ĉi tiu grava epizodo.

**MOYÁ.**—Por celebri la sukcesan finon de la tri kursoj, kiuj daŭre funkciis dum la pasinta vintro, oni aranĝis la 3an de Majo brilan feston, kiel lastan etapon de la vaste reklamita Letervespero, por kiu oni ricevis pli ol 200 leterojn kaj poŝtkartojn el 22 landoj. Inter la ĉeestantoj troviĝis pluraj gastoj el najbaraj urbetoj; kun aliaj, S-ro N. Ullar, de San Feliu de Codinas, edziĝinta kun aŭstria s-anino. Oni recitis kaj deklamis belajn pecojn. S-ro Alexander Kassai, hungara samideano kaj honora invitito, faris vervan paroladon pri kutimoj kaj moroj de Svedio, kie nuntempe li loĝas. La entuziasmo ne velkis; ĉe la fino, oni tostis per ĉampano «Verda Stelo» por la daŭra prosperec(de nia renaskiĝinta Esperanto-Grupo. La festo vekis grandan simpation tra la urba loĝantaro, kiu pere de gazeto «La Tosca» estis larĝe informita pro detala raporto kaj interesa intervjuo kun S-ro Kassai.

# EL ESPERANTO Y LA FILATELIA

**Como todos los años, la entidad coleccionista veterana de España, el Círculo Filatélico y Numismático de Barcelona ha organizado, en el recinto de la Feria Oficial e Internacional de Muestras, de la ciudad condal, una Exposición Filatélica y Numismática, dotada de un matasellos especial concedido por la Dirección General de Correos y Telecomunicación.**

**La Sección Filatélica del Grupo Esperantista de la Cooperativa de Tejedores a Mano, de la calle de Teruel, 26 y 28 (Gracia) Barcelona, ha aprovechado la oportunidad para dar a conocer entre los medios filatelistas la importancia y trascendencia del idioma auxiliar; para tal fin ha presentado en el mencionado Certamen cinco cuadros. Cuatro de ellos presentan una selecta colección de matasellos, referentes a Congresos, Exposiciones, etc. de Esperanto; son propiedad de los samideanos coleccionistas R. Molera, de Moyá, y de J. Ibern, de San Adrián del Besós. Entre los mismos, figuran los diversos sellos de correo, relativos al idioma de Zamenhof, editados por diversos estados; son propiedad del samideano E. Gil, de Barcelona. Preséntanse también diversas «migrantaj kartoj» de los samideanos E. Gil y R. de Luna, de Barcelona, las cuales tienden a demostrar a los aficionados las ventajas de los coleccionistass que conocen el Esperanto. En cuadro aparte se encuentra una gran variedad de sobres, bellamente franqueados, cuya característica principal es el haber sido recibidos desde cuarenta y siete países distintos por los samideanos E. Moreno y E. Gil, de Barcelona, gracias a un sólo idioma: el segundo idioma común de miles de filatelistas. Puede asegurarse que el antedicho material expuesto contribuirá mucho a la propagación del idioma auxiliar entre los filatelistas de la ciudad condal, lográndose así el deseo de los incansables organizadores.**

**EKSTERLANDAJ VIZITINTOJ SKRIBAS:** S-ro F. Halls, el Aŭstralio, post gastigo al li farita de nia membro S-ro N. Ullar, sendis jenan leteron: «Hispanio estas tre pitoreska lando, kiu ege plaĉis al mi. Mi bedaŭras, ke mono kaj tempo ne permesis, ke mi pli longe restu en via lando. En Vich mi renkontis la unuajn hispanajn esperantistojn, kaj la impreso estis tre favora; same kiel tra tuta Hispanio. Mi trovis la hispanojn tre gastamaj, kaj tio multe plibeligas la vojaĝon de vaganta turisto».

**GRAMATICA DE ESPERANTO**, de Ismael Gomes Braga, *com chaves dos exercicios para estudo sem mestre.* — 199 paĝoj 13'5 x 18'5 cm. Eldonita de Cooperativa Cultural dos Esperantistas, Ltda. — Rio de Janeiro (Brazilo).

Ĉie, tra la vasta Esperantujo, oni aŭdas plendi pri manko de taŭga lernmaterialo, ĉar bedaŭrinde la kutimaj financaj malhelpoj metas baron al la deziroj kaj bezonoj reeldoni elĉerpitajn malnovajn lernolibrojn, kiuj, cetere, kvankam bonaj kaj utilaj siatempe, prezentas instrumetodojn ne jam plene akordajn kun pli trafaj sistemoj de la moderna pedagogio.

Tamen, en la mondo ekzistas lando —ĉarma lando!— Brazilo, kie Esperanto efektive sekure progresas kaj disvastiĝas, ne nur ja pro la granda nombro da geaj lernantoj, ĉeestantaj regule en la kursoj, sed ankaŭ certe plej efike pro la ĝoje atentinda fakto, ke plimulto da ili fariĝas aŭ jam fariĝis perfektaj posedantoj de la Lingvo Internacia; laŭ tia grado, ke eĉ se ili ĉiuj ne pretendas paradi kiel virtuozoj de Esperanto, ili ankaŭ ne senkreditigas ĝin, kiel aliaj, kiuj restas por eterne en la stulta situacio de ridindaj balbutantoj.

Unu el la plej aktivaj elementoj, dank' al kies senlacaj klopodoj ekzistas nun tiel bela florado en la brazila ĝardeno, estas mem S-ro Ismael Gomes Braga, kiu, en ĉi tiu freŝa lernolibro por siaj samlingvanoj, talente kompilis la sciojn akiritajn en la faka instruado de Esperanto, dum multe kaj multe da jaroj. Kaj, jen do, kiel rezulto, sufiĉe dika verko, konsistanta nur el sukoplena substanco, sen ĝena balasto da rutinaĵoj, sed kun zorge kaj lerte ordigita materialo, kie koncizaj kaj hele klaraj gramatikaj difinoj antaŭas oportunajn ekzercojn, kies prilaboro jam en la komenco liveros ĝuon kaj distron al la gelernantoj, instigante ilin studi funde kaj profite, sen nepra neceso ĉeesti kurson.

Mi dankas la afablajn vortojn, kiujn S-ro Gomes Braga diras al mi en dediĉa surskribo. Kelkaj el ili estas ĝenerale interesaj: «Kvankam mi estas progresema homo, ĉi tiu libro estas la plej konservativa, kiun vi iam vidos. Nia lingvo estas produkto de talenta laborado de multaj seriozaj homoj tra la mondo, kaj ĝi meritas nian respekton kaj honestan studadon, kiel ni ja faras por niaj naciaj lingvoj».

Inda mentoro, do, li estas por la juna kaj sana brazila esperantismo, kiu rekorde gajnas novajn poziciojn en senhalta antaŭenirado, kiel ĵus atestas grava informo pri malfermo de oficialaj kursoj en la Militista Lernejo de Rio de Janeiro, kie la verko de nia kompetenta pioniro praktike montros siajn bonegajn kvalitojn por formi esperantistojn, lingve perfektaj kaj spirite fervoraj, sindonemaj... Cetere, ĉi tiu gramatiko, pro la granda simileco inter la portugala kaj hispana lingvoj, nepre devas esti atentata en la preparo de eldonoj aŭ reeldonoj de hispanlingvaj lernolibroj, kiuj, pro plena elĉerpiĝo, tiel urĝe necesaj estas nun, antaŭ la esperige kreskantaj postuloj de nia propra enlanda movado.

---

**LA TENTO DE LA JUNULO** originala poemo de Geraldo Mattos; eldono de «Cooperativa Cultural dos Esperantistas, Ltda.» Rio de Janeiro (Brazilo). 18 paĝoj, 11'5 x 16 cm. Prezo ne montrita.

Konkreta pruvo pri miaj supre diritaj vortoj, laŭde al la kompetenteco de la brazila esperantistaro, estas ĉi tiu plaĉa broŝuro, kun originala poemo de juna studento, kiu, kvankam nova verdstelulo, tiel majstre posedas la lingvon, ke lia inspiro, dorlotata de la esperantaj muzoj, ĉarme fluas aŭ verve ŝprucas, prikantante la animajn konfliktojn de D-ro Zamenhof, kiam ankoraŭ li estis revema junulo...

Antaŭ la daŭra perlado de liaj elegantaj metaforoj, en ĉi tiu lia unua presita verketo, oni avidas koni la ceterajn anoncitajn juvelojn, kiuj konfirmos liajn meritojn de unuaranga trobadoro. **LUIS HERNANDEZ**

---

**Das Problem der internationalem Sprache.** (La problemo de la internacia lingvo), de D-ro Arthur Baur. - 20 paĝoj kun kovrilo. Eldonejo: Buchverlag der Vebandsdruckerei A. G. Bern. Prezo: 2 Respondkuponoj. Akirebla ĉe la eldonejo.

Tiu germanlingva broŝuro klarigas la historion, evoluon, malhelpojn, k. t. p. de Esperanto en la diversaj cirkonstancoj (plej multe malfavoraj) de ĝia vivo. Ankaŭ oni skizas la problemon de helplingvo, laŭ tutmonda vidpunkto en la nuntempo, kaj ĝia solvo pere de Esperanto, kompare kun aliaj projektoj (Volapük, Ido, Okcidental k. a.) Mi tradukas sekvantan paragrafon, kiu per si mem ne bezonas komenton:

«...Volapük montris, ke artefarita lingvo povas funkcii, same kiel Montgolfière pruvis, ke la homo povas leviĝi alten en la aero. Tamen la sukceso de la aeronaŭtiko ne alvenis pere de aerostato, sed de aeroplano.» Krome ĝi enhavas i. a. la lingvan situacion en U. N. O. kaj citas la decidon pri la enketo de UNESKO. La skizo aperis samtempe en la «Jarlibro de la Svisaj Federaciaj Autoritatoj 1953» kiu estas legata de parlamentanoj, ambasadoroj kaj altaj oficistoj. La temo estas tial traktita en scienca kaj realista maniero. La aŭtoro, D-ro Baur, estas la konata Esperanto-parolisto de la Svisa mallongonda Radiostacio kaj redaktinto de la Svisa Antologio.

Mi devas konfesi ke neniam legis tiel bonkvalitajn argumentojn por defendi nian aferon, kiu estas samtempe tiu de la homaro mem. Kial ne eldoni esperantlingvan tradukon? Vere, ĝia legado estas ege rekomendinda. **M. RODRIGUEZ** - Madrido

**¡ATENCION!** **Recordamos, nuevamente, a los que estén al descubierto en el pago de sus cuotas, que el próximo número, extraordinario del Congreso, les será remitido a reembolso de la deuda pendiente, y su pago o retorno significará la continuación o baja en la Federación**

## ESPERANTISTA VIVO

*Per bela esperantlingva invitilo, nia estimata S-ano Samuelo Roca Rodó, el Barcelono, sciigas la edziniĝon de sia bela filino Koncepcio kun S-ro Józefo María Fontanet. La soleno okazis la 20an de pasinta Majo. Korajn gratulojn!*

*La 18an de pasinta monato, nia bona amiko J. García Rigal kaj lia simpatia edzino celebris la arĝentan jubileon de sia geedziĝo. Ni gratulas la feliĉan paron, dezirante al ambaŭ geamikoj, ke ili solenu kun la sama ĝojo kaj bonega sano la oran jubileon!*

*Al la fervora* HEF*-delegito en Madrido. S-ro Joaquín López Herrero, lia ĉarma edzino ĵus donacis la kvaran filon. Ni gratulas pro tio la gepatrojn, ĝuste taksante iliajn aktivajn klopodojn por kreskigi la esperantan familion.*

*Antaŭ nelonge forpasis la hispana veterano, S-ro Diego Aznar Casanova, loĝinta lastatempe en Cuevas de Almazora (Almería). Ni kondolencas sincere al liaj familianoj.*



## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a JULIO 1953)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.515 | Ptas. |
| L. Sorribes - Tarrasa | 5 | » |
| F. Pinedo - Madrid | 25 | » |
| R. Quiles - Valencia | 10 | » |
| A. Escamilla - Pegalajar | 5 | » |
| E. Marín - Sabadell | 10 | » |
| F. Frías - San Sebastián | 5 | » |
| Baska Esp. Rondo - San Sebastián | 20 | » |
| D. Dalmau - Barcelona | 25 | » |
| Esperanto-Grupo - Moyá | 34 | » |
| R. M. - Moyá | 5 | » |
| M. Alamo - Valverde-Hierro | 15 | » |
| L. Pérez Requena - Valencia | 50 | » |
| E. Larruy - Bilbao | 10 | » |
| F. Roglá - Valencia | 10 | » |
| J. Folch - Tarrasa | 10 | » |
| R. Vizcaíno - Valencia | 25 | » |
| M. Tarragó - Almatret | 10 | » |
| J. Saladrigas - Badalona | 15 | » |
| Total | 2.804 | » |

*¡Gracias a todos y felices vacaciones a todos... sin olvidar esta sección, para superar así las cifras del año pasado!*

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu pesseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri malĝrandigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Fr. Raymund Glötzl, (13 b) Mönchsdeggingen, über Nördlingen/Schw. Klerikernoviziat CMM (Germanio) deziras korespondi kun hispanoj.

S-ino María Susette Salgueiro, 20-jara instruistino, Rua do Pombal, 35 Almeirim (Portugalio) deziras korespondi kun gesamideanoj en la tuta mondo.

## RADIO

Jam ekde la 8.a de pasinta Junio, «Radio Juventud» elsendas, ĉiulunde, je la 19·30 horoj (la oficiala hispana horo estas sama kiel la mezeŭropa), programon «Esperanto-Duonhoro», per ondlongo 250 metroj kaj 1.200 kilocikloj. — Adreso de la stacio: «Radio Juventud» Apartado 297, CORUÑA (Hispanio)

### BODO, ĈEFURBO DE LA PROVINCO NORDLAND

**Bela eldonaĵo de «Bodo og Omegns Turistforening» (Norvegio), en kunlaboro de la Esperanto-klubo.**

Faldfolio kun tri fotoj pri la somernokta norvega regiono, en ĝia mirinda natura spektaklo, celata de multaj turistoj. La eldonita folio estas havebla, kontraŭ sendo de unu respondkupono, de la supre dirita oficejo. Petu akurate, do, ĝin!

### KAVALKADO EN KOSTUMO

Folklora manifestacio, ĉiujare okazanta en Sardinia insulo. La nunjara festo okazis la 14an de pasinta Majo; por venontaj jaroj bonvolu peti detalajn informojn, aldonante respondkuponon, al «Ente Provinciale del Turismo» - Piazza d'Italia, 26 - Sassari (Sardegna) Italio

## GRAVA ATENTIGO

Kiel kutime, pro somera libertempo de la redaktoroj, dum monato Aŭgusto, nia Bulteno **NE** aperos. La proksima numero, kiel eksterordinara kongresa eldono, pri la okazontaĵo, kun detala kroniko kaj elektita enhavo, ne vizitos vin denove ĝis mezo aŭ fino de venonta Septembro. Bonvolu atenti pri tio!

Agrablajn feriojn al ĉiuj!

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA